# PENSEO

N-ro 331

majo / 2019

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 30-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Reviviĝo

La kanto de l' suno
la kokon vekas,
kiu ankoraŭ sonĝas
en mia infanaĝo
teksita el misteroj.

Ĉe la festa placo,
la bluo ĉiela
miraklon celebras
de l' vivanta Pasko,
kiu en ni renaskiĝas.

Juiz de Fora, 21/04/2019.

## Hans-Georg Kaiser (Germanio)



### Legu ankaŭ poemojn!

Vi rapidas, vi hastas. Vi kuras.
Vi faras tion, kion ĉiuj faras?
Kial vi ne legas poemojn?

Forĵetu vian brakhorloĝon.
La poemoj pacience atendas vin,
kelkaj jam dum longa tempo.

Poemoj estas aliaj momentoj.
Poemoj estas bluaj fenestroj
en grizaj pluvemaj tagoj.

Poemoj estas eĥosondiloj
aŭ savringoj por dronantoj.
Poemoj estas buoj kaj turoj.
Poemoj estas miraklokestoj.
Formetu la poemskalpelon
el viaj lernejaj tagoj.

Poemoj ne estas soldatoj,
Legu ilin foje ankaŭ laŭte.
Flustru ilin, deklamu ilin esplore.

Se vi legas poemojn, faru tiel,
kvazaŭ vi sidus en koncerto
de ĉambromuzikistoj.

Legu do poemojn,
forlasu vian maŭzoleon.
Fajfu pri la tielnomata utileco
kaj legu poemojn!

Legu bonajn poemojn, leganto,
sed ne forgesu dum tio vin mem.
Legu ankaŭ poemojn.

## Yanke (Ĉinio)

### Doloro de la mondo

*okaze de incendio ĉe Nia Damo de Parizo*

Staras jen impone l' katedralo
pli ol okcent jarojn, ho, ĉe Sejno
konstruita sub land-solidaro
franca per labor' kaj granda peno.

Sed nun ĝin envolvas incendio
senkompate, skue kaj kruele.
Flamoj lekas ĝin en kremacio
klake kaj krepite, ja ribele.

La simbola spajr' kolapsas fale,

la tegment' truiĝas tuj oscede,
rozfenestroj senkoloras pale,
ĝenas ĝin demona fajr' obsede.

Francoj preĝas, ploras kun doloro,
ankaŭ ĉagreniĝas l' mond' en koro.

15-04-2019

## Ekskurso

Printempa etoso invitas
al vigleco-plena kamparo.
junverdo kaj floroj meritas
aprezon de vort-malŝparo.

Urbanoj kelkope jen svarmas
kun entuziasmo al ruro.
Ĉi tie kaj tie ja ĉarmas
pejzaĝoj de bela naturo.

Sur berboj infanoj ĉasludas,
aliaj babilas libere.
Eĉ homoj manĝaĵon englutas,
kun ĝuo orgii fabele.

Ripozo kaj ĝojo ja kune
por homoj furoras nur nune.

## Mori (Usono)



## AFORISMe (41)

Bona generalo
estas tiu, kiu venkas
sen batalo.
***
Estu kuraĝa
Kiel leono
kaj ruza
kiel vulpo,
kontraŭ tiu , kiu vivas
kiel lupo.
***
Tiuj, kiuj kaŝas sin
malantaŭ Dio
kaj ideologio
ofertas belajn vortojn
plenplenaj je nenio.
***
Pro novepoka civilizacio,
Kanibalismo
kaj leĝoj de l' ĝangaloj
trovis la vojon
al urboj kaj dancohaloj.
***
En ĉiu homo
serĉu bonon
kaj preterrigardu
malbonon,
ĉar neeblas trovi
perfektan personon.
***
Tion, kion saĝaj patriotoj
Konstruas
Politikistoj detruas.
***
Ne ĉiam gajno
kaj profito
estas bazita
sur l' merito.
***
Komunismo kaj
senbrida novkapitalismo
estas du flankoj de
moderna kanibalismo.
***
se en la Mond
ne ekzistus "Vi"
superflua estus "Mi".
***
Jen la mesaĝo
de speguloj;
neniu ja estas
sen makuloj!
***
Nur tiu, kiu kuŝas
en sia tombo

ĝuas la pacon
samkiel kolombo!
***
Ĉirkaŭ lampoj
svarmas kuloj,
ĉirkaŭ despoto,
svarmas ruzuloj.
***
Nur Riĉ-NULOJ
Indiferencas pri
suferoj de malsatuloj.
***
Dum la tuta viv'
Sur la tero
akompanas nin
ĝojo kaj sufero.
***
La plej granda
danĝero.
estas mizero.
***
kie ajn mankas
mizero
mankas ĉefa minaco
kontraŭ leĝo
kaj paco.
***
En la batalo
kontraŭ lupoj
kalkulu nek je ŝafoj
nek je vulpoj.
***
Sur la altaj postenoj
troviĝas bonaj personoj
ankaŭ multaj friponoj.
***
En la interbatalo
de malsataj lupoj
intervenas nek ŝafoj
nek lertaj vulpoj.
***
La plej danĝera lupo
estas
kruela persono
sur l' gvida posteno.
***
Grandas la diferenco
inter indifernta,
egoista riĉNULO
kaj afabla,
konscienca riĉulo.
***
Se vi volas esti granda
kiel maro
ne zorgu pri misjuĝoj
de aliuloj kaj najbaro.
***
Amiko ĵaluza
estas malamiko
kaŝa kaj ruza.

## Papos Nascentes (Brazilo)



### JEN NOKTUO BLUA

forfuĝas ribele nokto blua
dum poemo skuas ien. kien?
elfluo bruas brua brue
enue teda noktuo pledas:
nur nokte mi videtas
dum subsune mi blindegas
ho ve! nia vivo min ridigas:
ju pli miaj okuloj malfermetas
des pli misdorme mi dormetas

noktuo do klarigas:
vidinte min oni imagis min simbolo
pri saĝo, klarmenso, eĉ lerteco
ju pli saĝon deziras mia volo
des pli stulte dormemas tia eco

jen do noktuo iĝas mi:
sendorme mi verson persekutas
ĝis kiam poemon oni aŭskultu
- senlume kaj blinde mi baraktas
dum ribele poemo blue skuas...
mi bele tion verke misredaktas
forfuĝe bele-ribele nokto noktue bluas

## Gajo (Ĉinio)



### Printempa Bildo

sur arboj birdetoj trilĉirpas kun ĝoj',
palverdaj salikoj flirtadas en vent',
fiŝetoj ludante navetas en roj',
kaj en mi fermentas poemo el sent'!

## Anonima

### Ĉe l'horizonto

ĉe l' horizont' scintilas steloparo
okuloj ili estas jen en sonĝo mia
en mia koro restas minca nuba klaro
ĝi estas lastanokta teneremo via
mi volas ja ascendi l' montspiralon
por serĉi vian ombron en nebulo
mi volas rajdi fortan la ĉevalon
por ĉasi stelojn forajn sen mezuro

ĉe l' horizonto staras arb' giganta
ĝi estas verda ombro ja en mia koro
en for' sin trovas monto granda
ĝi estas via grandanima amfavoro
mi volas ja kolekti florojn en arb-rondo
por plekti l' perspektivon belan
mi volas paŝti brutojn sub la monto
por sekvi vian spuron jen leĝeran

mi volas ĉevalrajdi kune
galope sur la step' fabela
mi volas sori fluge nune
sub blua volb' ĉiela

*elĉinigis*



## Ĉuisto (Ĉinio)



# El Ĉina Antikva Poezio

## Yan Shu (991 – 1055)

### Implicita signifo

Supervalaj nuboj malaperis eĉ senspure,
Ne videblas plu l' kaleŝo lake ornamita.
Korte la pirfloroj falis sub lunbrilo pura;
La salikamenton blovis vent' ĉelage glita.
Ĝuste ĉe Fest' de Malvarma Nutro*, en
soleco,
Mian sanon vundis la kelktaga drink'
senbrida.
Volus mi leteri al ŝi, sed ne povas sendi:
Pro montkrutoj kaj riveroj estas voj' insida.

**Festo de Malvarma Nutro: la tago antaŭ Qingming aŭ Festo de Mortintoj, en kiu oni manĝis nur malvarmajn nutraĵojn.*

## Gao Zhu (1170 -1241)

### En la Festo de Mortintoj

Sur la montoj suda kaj eĉ norda multas
tomboj,
Kiujn oni kultas en ceremoni' ofera.
Papercindro flugas kiel blankaj papilioj;
Oni larmas, dum kukolo kukuas mizera.
Post noktiĝo vulpoj dormas sur la teramasoj;
Reveninte, l' idoj ŝercas en lumo kandela.
Drinku tiom, kiom vi kapablas, ĝis ebrie, -
Ĉu eĉ unu guto fluis al la mond' subtera?

## Cheng Hao (1032 - 1085)

### Improvizaĵo pri ekskurso

Sur floraroma kampo mi laŭplaĉe
ekskursadas,
Printempo plene helverdigas forajn montojn
ĉie.
Flirtantaj floroj min ekzaltas inter salikarboj,

Mi pro laciĝo sidas sur muskplena bordo ie.
Ne nepre malakceptu la bonvolan
drinkproponon, -
Nu vidu: falas en la vent' petaloj elegie.
Nun ke serenas tago, jen la Festo de Mortinto,
Do ĝuu la plezuron ĝis vespero eŭforie.

## Seng Huihong (1071 – 1128)

### Pendolo

Du verdaj pendol' svingiĝas lertamove
Printempe balancilas belulino antaŭ l' domo.
La ruĝa jupo flirtetanta trenas sin surtere,
Dum la knabino alpuŝiĝas al ĉiela fono.
La sidtabulon malsekigas floroj abrikotaj,
Oblikve pendas tiuj ŝnuroj en ĉi brumo.
Ŝi glate surteriĝis kaj gracie staras tie,
Ja kvazaŭ la feino ekzilita el la luno.

## Du Fu (712 - 770)

### Ĉe la rivero Qu

*(unu el la du poemoj kun la sama titolo)*

Per unuflora falo la printemp' ekmalfortiĝas,
Kaj dek mil floroj en ventkirlo nun des pli
ĉagrenas.
Flirtantajn ilin en ĉi agonio mi rigardas
Kaj por enkoran splenon peli vinon multe
prenas.
Alcedoj nestas en la domo sur rievera bordo,
Ĉe l' tombo en reĝparko ŝtonaj Qilin jam
forsvenas
Se bone rezonante pri la leĝo de aferoj,
Kial per vanta kaj malplena fam' mi min
katenas?

**Qilin: ĉina unukornulo (legenda besto, kiun la antikvuloj imagis kun kapo de leono, korpo de cervo, skvamoj de drako, vosto de bovo ktp. kaj kiu servis kiel simbolo de bonaŭgureco)*

*Elĉinigis*



## Minosun (Ĉinio)

## Liu Yong (ĉ. 984-1053)



### Post pluvo serenas ĉielo

—laŭ melodio *Rakontado pri kora sento*

Post pluvo serenas ĉielo,
kaj ankaŭ aero tre freŝas.
Starante sur alta etaĝo,
mi skanas jen tra la etero
la belan pejzaĝon:
kristala rivero kun brilo,
tavoloj da montoj en helo
junverda nebule,
en for' ĉe la ponto rompita
zigzage en muta libero
vidiĝas aleo kaŝita,
malklara vilaĝo fiŝista
elsputas spiralan la fumon
nun por kuirad' ĉe vespero.

En lumo de l' suno subira
sur ruĝ-balustrad' mi apogas
min muta en sento-rivero
deprima, moroza.
Sen drinko mi ŝajne ebrias,
dronante en trista sufero
senlima, senfina.
Krepuskaj nuberoj forŝvebas,
aŭtuno tujtuje el tero
formortos sensone.
Karuloj en foro mil-lia*
ne donas mesaĝon pri vero
kaj mi nur rigardas
torpore nure kun espero.

**lio: ĉina mezurunuo, egala je 536.33 metroj.*

### Aceroj maljuniĝas

—laŭ melodio *Malrapida kanto de aŭguristo*

Aceroj maljuniĝas iompostiome,
orkide-herboj duone velkas.
Vidiĝas ruĝ' kaduka malimpone
kaj verd' putranta ĉie.

Ascendas mi sur la altaĵon
malfru-aŭtun-sezone.
Alŝvebas en subira suno
sporadaj frapoj de batilo
sur la lavatajn vestojn
jen intermite bum-bum-sone.
Mi pri amikoj malproksimaj
sopiras. Sekvas sentoj de ĉagrenoj
en koro fi-fantome.

Intima sent' kunligas ambaŭ nin,
kvankam ni disas en du lokoj
tre foraj — ho ne! —
apartigitaj per milmil tavoloj
da nebulpluvoj jen aldone.
Nun pluv' jam ĉesis kaj l' ĉielo
serene klaras. Povas mi okule
montpintojn ĉirkaŭpreni bone.
Mi tenas min senvorta.
Kiu ja povas subkompreni
intencon mian, kiam mi persone
sur la altaĵo staras por rigardi?
Eĉ se mi povas skribi
mil vortojn laŭbezone,
do, kiu povus sendi al ŝi
mesaĝon jen bontone?

## En l'imperia ekzameno

—laŭ melodio *Gruo soras al la ĉielo*

En l' imperia ekzameno
mi perdis lokon en la listo
de honor'.
Jam sen espero renomiĝi
en la epok' stabila
la ignor'
en elektado fuŝa
jen falas sur min.
En torpor',
kion mi faru estontece?
Ho, sen sukces' en rangaltiĝo,
sen nom-glor',
mi turnu min nur al viv' diboĉa
laŭ l' vol'
jen de l' ĉiel' kun nubtumulto.
Ĉu indas zorgi pri la gajn' aŭ perdo?
Kun favor'
de l' talent' mi versas kiel
poet' kaptanta laŭdojn
de ador'.

En stratoj por flirtejoj
jen sin prezentas bildo bela, plaĉa
laŭ la kor'.
Feliĉe amatino mia
sin trovas tie sub dispono mia
en ĉi hor'.
Mi povas ŝin viziti
frekvente jen laŭplaĉe.
Por konsol'
mi gajnas de ŝi ardan
kareson, ardan amon
kun gaj-fol'.
Mi ĝuas komfortecon
dumvive de volupto.
Kiel flor'
juneco efemere velkas.
Preferas verki mi libere
kaj ĉanti versojn
kun fervor'
ol kuŝi sur titolo vanta
kun dolor'.

## Ĉe l'river'

—laŭ melodio *Ok taktoj de Ganzhou-kanto*

Ĉe l' river',
post lavad' de pluv' subtila
la pejzaĝ' aŭtuna malvarmeta
en vesper'
riveliĝas inter la ĉielo
kaj la ter'.
Prujna vento preme blovas,
montoj kaj rivero tristas
je aper'.
Nur sunlum' krepuska falas
sur l' etaĝdomon.
En la sfer'

de la okulvido ĉie rampas
ruĝ' kaduka kaj sporada verdo.
Jam la bel'
ĉia malaperas tute!
Nur la riverfluoj kuras
orienten mute tage-nokte
kun leĝer'.

Sen esper'
mi ne volas alten grimpi
por rigardi hejmlokon foran,
pro kruel'
de hejmveo mia, mia penso
vagas senbrideble.
En sufer'
ofte mi lamentas:
kial mi restadas aliloke
en ĉi tiuj lastaj jaroj
pro sort-pel'?
Mi imagas, ke edzino mia
gapas en stuporo al boatoj
kun larĝ-vel',
kaj eraras preni ilin
por la mia kelkajn fojojn.
Sed en ver'
mi rigardas nun apogante
min sur balustrad' etaĝa
en mizer'.

*elĉinigis*



**Vejdo (Ĉinio)**

## Su Ting (1952-)



# Aĥ, patrino

Per pala fingropinto vi ordigas
la harojn jen ĉe mia tempi'
nereteneble mi ekkaptas firme
la baskon de la vest' de vi
Aĥ, patrino
por ke figuron vian tiru mi
kvankam la matenruĝo
la sonĝon jam distondis je fumstri'
mi ne kuraĝas jen dumlonge ovri
okulojn miaj pro anksi'

Ankoraŭ mi trezoras ja konservas
la ruĝan skarpon kun konsci'
timante ke lavad' perdigas
specifan vian mildon de magi'.
Aĥ, patrino
Tempfluo same senkompatas
mi ankaŭ timas, ke l' memorlini'
senkoloriĝas jen malfreŝe
kiel mi povus ĝin malfermi kun defi'

Mi iam plore kriis al vi
pro dorno kun kolera emoci'
Sed nun eĉ se mi surportus
surverte vepran kronon
mi ne kuraĝus plendi per ĝemkri'
Aĥ, patrino
mi ofte vian foton ja rigardas triste
eĉ se alvoko mia povus sen raci'
penetri la kovritan teron de la tombo
mi ne kuraĝus ĝeni vin en longa
dormebri'.

Ankoraŭ ne mi ja kuraĝus
eksponas l' oferaĵojn por am-ceremoni'
kvankam mi verkis multe da laŭdkantoj
pri floroj, maro kaj aŭror' en bild-vari'
Aĥ, patrino
sopiro mia al vi, dolĉa kaj profunda
ne estas rapidfluo nek akvfal' des pli
sed akvomanka puto, kiu ne kapblas
eligi kanton jen kun bela melodi'.



*Elĉinigis* **Fangfang (Ĉinio)**

## Mimoza Ahmeti (Albanio)



### La infanaĝo

Estis ja mi sentema infano
Kiel la malfortika herbo ....
Pli nerompebla ol la sovaĝa klemato!
Obstina kiel grizaj rokoj de Kruja[*].
Kiel la historiaj ercejoj 500 jaraĝaj.

Ĉiam revema, akva herbo.
Svelta, kun du okuloj tempestaj.
Travivis ja mi iun ajn venton,
Eĉ iujn negravaj.

Kaj ordinarajn homojn
senbrue mi amis!

En mia estaĵo la tuta mondo tremis!
La korpotigo en la ludojn saltadis,
poste en la revojn
por la estonteco
ĝi plonĝis...

### Kredu min

Kredu min, revojn
kiel okulojn mi ja havas
grandajn.

Kredu min, tagoj
Ĉe mi elane fluas,
Kiel riveroj.

Kredu min, kanzono
apenaŭ vekus aliajn kapricojn
krom tiu ĉi ŝtona tero,
forbatita de la suno,
de la vento!

Kredu min, ŝultroj
Liberaj ili estas ĉe mi
dum la amoro!
Kaj la solaj brakoj
Elokupontajn ilin
Estas ĉe vi!

### Oktobro

Estas aŭtuno kaj pluvojn la vojoj eltrinkas,
pli ol iam ajn la folioj deŝiriĝas...
El la ŝirmejoj kaj tegmentoj la akvo elfluas.
Oran rigardon la taksioj enverŝas.
Kaj en si mem mi murmuras,
Kelkajn kanzonojn trempitaj pro la sezono.
La nebulo maldensiĝas: homoj, vesto....
La urbo kiel rideto malfermiĝas.

* Kruja, mezepoka ĉefurbo de Albanio

*Elalbanigis*



## Bardhyl Selimi (Albanio)



# Zhuangzi

## ĈAPITRO DEKOKA

## Perfekta Ĝojo

**§18-02**

La edzino de Zhuangzi mortis. Kiam Huizi iris esprimi sian kondolencon, li vidis, ke Zhuangzi kalkansidas sur la planko kantante kaj batante la takton sur argila pelvo.

Huizi diris:

"Via edzino vivis kun vi tiel longan tempon. Ŝi naskis kaj edukis infanojn por vi. Nun ke ŝi maljuniĝis kaj mortis, estas ja sufiĉe senkompate de vi, ke vi eĉ ne ploras pro ŝi. Ĉu vi ne troas kantante en tiu ĉi okazo?"

"Tute ne," diris Zhuangzi. "En la momento, kiam mia edzino mortis, kiel mi povis ne malĝojegi? Sed ekpensante pri ŝia komenco, mi eltrovis, ke origine ŝi

ja ne havis la vivon; tiam ŝi havis ne sole ne la vivon, sed eĉ ne fizikan formon; ne sole ne la formon, sed eĉ ne spiron. Meze de tio, kio estis obskura kaj maldiafana, transformiĝo okazis, kaj ŝi ricevis sian spiron. Ankoraŭ unu transformiĝo okazis, kaj ŝi ricevis sian fizikan formon. Ankoraŭ alia transformiĝo okazis, kaj ŝi ricevis sian vivon. Nun plua transformiĝo okazis, ŝi revenis al la morto. Ĉio ĉi tio estas kiel la sinsekvo de printempo, somero, aŭtuno kaj vintro. Mia mortinta edzino nun pace kuŝas inter la ĉielo kaj la tero. Se mi lamentus pro ŝia morto, mi pensas, tio signifus, ke mi ne komprenas la destinon. Jen kial mi retenis mian ploron."

**§18-03**

Zhili Shu kaj Gujie Shu faris turisman vojaĝon al la monteto Mingbo sur la ebenaĵo proksime de la montaro Kunlun, kie estis la tombo de la Flava Imperiestro. Subite aperis tumoro sur la maldekstra kubuto de Gujie Shu. Li estis kaptita de timo kaj ekhavis abomenon.

"Ĉu vi abomenas tiun ĉi tumoron?" demandis Zhili Shu.

"Tute ne. Kial mi devus ĝin abomeni? La vivo estas nur pruntaĵo; dank' al la depruntado oni naskiĝas. La vivo estas nur la ariĝo de polveroj kaj malpuraĵoj. Tiu ĉi tumoro, kiu kreskas sur mia pruntaĵo, estas nenio alia ol polvero. La vivo kaj la morto sin sekvas kiel la tago kaj la nokto. Plie, vi kaj mi venis ĉi tien por observi la transformiĝadon de estaĵoj. Nun ke transformiĝo trafis min, kial do mi devus ĝin abomeni?"

**§18-04**

Dum sia vojiro al la regno Chu, Zhuangzi vidis malplenan kranion, kiu estis senkarna sed nedifektita. Li frapis ĝin per sia rajdovipo kaj diris:

"Ĉu pro tio, ke vi tro amis vian vivon kaj neglektis la leĝojn de la naturo, vi estis reduktita al tia stato? Aŭ ĉu pro tio, ke via regno estis ruinigita kaj sekve vi estis senkapigita? Aŭ ĉu pro tio, ke vi faris malbonojn kaj mortis de honto timante, ke ili hontigos viajn gepatrojn, edzinon kaj infanojn? Aŭ pro tio, ke vi suferis malsaton kaj malvarmon? Aŭ pro tio, ke vi mortis naturan morton?"

Fininte tiujn ĉi demandojn, li proksimigis la kranion al si kaj endormiĝis kun ĝi kiel sia kapkuseno. En la noktomezo la kranio aperis en lia sonĝo kaj diris al li:

"Vi ŝajnas elokventa parolanto, sed vi parolis nur pri la doloroj de la homoj vivantaj. Tiuj doloroj ne plu ekzistas por la homoj mortintaj. Ĉu vi volus aŭdi pri la plezuroj de la mortintoj?"

"Volonte," diris Zhuangzi.

"En la regno de la mortintoj," diris la kranio, "ekzistas nek regantoj supre, nek ragatoj malsupre. Sen la sezona ŝanĝiĝo, oni vivas en senzorgeco kaj komforteco kaj havas la saman aĝon, kiel la ĉielo kaj la tero. Eĉ la feliĉo de la reĝo en la homa mondo ne povas superi tiun de la mortintoj."

Ne volante kredi tion, Zhuangzi diris al li:

"Se mi petus, ke la reganto de la Destino redonu al vi la fizikan formon kun viaj haŭto, karno kaj ostoj, por ke vi povu reveni al viaj gepatroj, edzino, infanoj, najbaroj kaj amikoj, ĉu vi dezirus tion?"

Kuntirante la brovojn la kranio diris malgaje:

"Kiel mi povus forlasi la reĝan ĝojon por reveni al la suferoj de la homa mondo?"

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinio)**

# Ĉineske

**Eto (Ĉinio)**

## Pikniko

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Printempe
belas vetero.
Zefir' karesas varme,
sunlumas super tero
helas l' etero.

Jam pretas
ĉio por piknik':

kuiriloj, legomoj
jen por kuira praktik'
sub ombra salik'.

Karbfajro
flamiĝas arde.
Siblas ole' en pato,
legomkuboj petarde
frititas salte.

Leviĝas
el rizo vapor'
vaporumita varme
en bolanta kaserol'
kun dolĉa odor'.

La supo
bobelas bole—
porkaĵoj kaj fungpecoj
kirliĝas karambole,
pretas ĉi-hore.

Sur herba
tapiŝo pladoj
bongustaj dismetitas.
Alvenas ja gefratoj
kun vortaj flatoj.

Ja ĉiuj
manĝas kun ĝuo,
ridante, babilante
sub la serena bluo
en ĝoja bruo.

## Jadranka Miric (Serbio)



### Lumospuro

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Jam longe
ne observis mi
foran ,bluan ĉielon.
Nek steleton tiun ĉi
falanta de vi.

Faladis
rapide steloj.
Ĉu tio homo mortas?
Silente kun briletoj
estingiĝas? Ve.

Falantaj
anĝeloj, eble.
Perditaj en disputoj.
vivi pli tolereble,
pli klerigable.

Por longa
vivo morala
valoras batali. Ho
mi pia.. Fi skandala
la vivo pala.

Vivi laŭ
siaj principoj,
harmonie inter si
kun amikoj, gaje. Hoj
sen karmovipoj!

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Mandio (Ĉinio)

### Ebrieco

—laŭ ĉinesko Dekses-Silaboj*

Vin'
pelas homon al inklin'
al stato
ebria mensŝpin'.

Ne
io iras al l' ide',
nur kun ĝu'
nebuleca tre.

En
menso ne klara kompren'

naskiĝas
krom ĝoja festen'.

El
cerbo kreiĝas fabel'.
Nenio
ne estas de bel'.

Li
nun bravegas kun defi'.
Danĝeroj
mankas en ebri'.

Sur
bordo li ĵeti kun rul'
kuraĝas
en akvo kun hul'.

De
klifo li kontraŭ pere'
desaltas
suben al ŝose'.

Bak'
fajra per brula atak'
ne povas
vundi lin je l' brak'.

Li
ĝojas ĝui sen konsci'
ĉi ĉion
ja en fantazi'.

Ve,
ebriul' en mens-pane'
vekiĝu
al klara ide'!

## Sero (Ĉinio)

### Forgeso

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

Vi
povas forgesi sen sci'
printempon
jen pro apati',

sed
ne l' rakonton sur la sled'
inter ni
kun ama kunmet'.

Se
vi eĉ ĝin forgesos, ne
forgesu
pri nia ide'.

Ĉar
mi ĉiame sen erar'
tenas vin
en kora vual'.

Nu,
reciprokas nur ni du
la amon
firme ja sen sku'.

*Deskses-Silabo: ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)*

## Mao Dun (1896-1981)



### Prilaŭdoj al blankaj poploj

Blankaj poploj estas vere neordinaraj. Mi volas ilin prilaŭdi!

Nia aŭto kuras sur la senlima altebenaĵo. En nia vidkampo prezentiĝas granda tapiŝo kun verda kaj flava koloroj miksitaj. La flava koloro estas leŭsa grundo, la nekulturita tero formanta la eksteran kruston de la Leŭsa Altebenaĵo, kiu estis sukcese amasigita de la granda naturforto antaŭ kelkaj milionoj da jaroj; la verda estas tritik-kampoj, la frukto de la homa laborforto supervenkinta la naturon. Kiam zefiro blovas, el la kampoj leviĝas skvamecaj verdaj ondetoj. Tiam vi vere admiras la esprimon "tritikaj ondoj" kreitan de la antaŭloj, la esprimon, kiu,

se ne okaze akirita el inspiro, certe estas kremo de lingva rafinado. La flava kaj verda koloroj okupas la dominantan pozicion super la senlima kaj ebena vastejo. Nun se la ŝultro-ĉe-ŝultraj montpintoj en malproksimeco ne sobrigas vin (juĝante laŭ viaj okuloj, vi scias, ke tiuj montpintoj situas sub viaj piedoj), vi forgesas, ke via aŭto kuras sur la altebenejo. Ĝuste tiam salte naskiĝas en via menso tiaj epitetoj, kiaj "impona" kaj "granda", tamen samtempe, se eble pro ioma laceco de viaj okuloj, vi fermas ilin al tiuj nunaj "imponeco" kaj "grandeco", alia gusto sekrete estiĝas en via koro, tio estas "monotoneco", ĉu ne? Iom da monotoneco, ĉu?

Tamen dum palpebruma daŭro, kiam vi levas viajn okulojn kaj vidas en malproksimeco vicon da arboj, ne, tri aŭ kvin, eĉ unu arbon orgojle stari, kiel sentineloj, kio okazos al via dormemo? Miaflanke mi eligis surprizitan ekkrion tiam.

Tiuspeca arbo estas blanka poplo, ekstreme ordinara arbo en la nordokcidenta parto de Ĉinio, tamen efektive tre aparta arbo!

Ĝi estas strebema arbo kun rektaj trunko kaj branĉoj. Ĝia trunko altas ĉirkaŭ je unu *Zhang*-o[1], sur kiu troviĝas nenia disiĝanta branĉo, kvazaŭ prilaborita de homoj. Ĝiaj ĉiuj branĉoj, ankaŭ kvazaŭ artefaritaj, senescepte direktiĝas supren kaj strikte alpremiĝas unu al la alia en unu faskegon sen ajna branĉo oblikve kreskanta el ĝi. Ankaŭ ĝiaj larĝaj folioj ĉiuj sin turnas supren preskaŭ sen unu folio oblikve kreskanta, por ne paroli pri pendantaj folioj. Ĝia glata ŝelo kun malklaraj arĝentaj rondaĵoj koloriĝas en pala verdeco. Ĝi, kvankam subpremita de vento kaj neĝo en la nordo, tenas siajn obstinecon kaj star-rektecon. Eĉ se ĝi diametre dikas nur kiel bovlo, ĝi penas etendiĝi supren ĝis ĉirkaŭ unu aŭ du Zhang-oj, kaj starante alte, ĝi neflekseble rezistas kontraŭ la nordokcidenta vento. Tio estas la blanka poplo, ekstreme ordinara arbo en la nordokcident landparto, tamen ĝi neniel kalkuliĝas kiel banala arbo!

Ĝi havas nek gracian pozon nek bele bukliĝantajn branĉojn. Eble vi opinias ĝin nebela. Se beleco speciale signifas "gracian" aŭ "bukliĝantan kaj disbranĉiĝantan" k.a., ĝi ne kalkuliĝas kiel lindulino inter arboj. Sed ĝi sin montras impona, anim-rekta, simpla, serioza kaj al ĝi ne mankas varmkoreco, por ne paroli pri ĝiaj nefleksebleco kaj statur-rekteco, ĝi ja vere estas la miriga viro inter arboj! Kiam vi iras sur la altebenaĵo kun komenciĝanta neĝ-degelo kaj vidas unu tian poplon aŭ spaliron da poploj, orgojle kaj rekte starantaj sur la ebena tero, ĉu vi konsideras, ke ĝi esas nur arbo? Ĉu vi eĉ ne konsideras, ke ĝiaj simpleco, seriozeco kaj nefleksibleco simbolas kampulojn en la nordo? Ĉu vi eĉ neniom asocie pensas, ke ĉie troviĝas obstinemaj kaj neflekseblaj sentineloj defendantaj sian hejmlokon, kiel blankaj poploj, sur la vasta postfronta tero? Kaj ĉu vi ne pensas plue, ke la strebema poplo kun ĝiaj folioj kompakte unuiĝintaj vere prezentas la spiriton kaj volon, kiuj senbride aktivas nun laŭlarĝe kaj laŭlonge de la nordĉina ebenaĵo, kaj skribas la ĉinan novan historion per freŝa sango?

La blanka poplo ne estas ordinara arbo. Ĝi troviĝas ĉie en la nordokcidento kaj ne estas alte taksita, simile al la kampularo en la nordo; ĝi posedas tre potencan vivforton, necedema al torturado kaj subpremado, ankaŭ simile al la kampularo en la nordo. Mi prilaŭdas la blankan poplon ĝuste pro tio, ke ĝi ne nur simbolas la kampularon en la nordo, sed ankaŭ, precipe, la nemankigeblajn simplecon, obstinecon kaj strebemon en la hodiaŭa naci-liberiga batalo.

Lasu tiujn, kiuj malestimas popolamasojn kaj obstine insistas je regreso, laŭdi tiun aristokratecan nanmuon[2] (ĝi ankaŭ estas bela kaj statur-rekta) kaj malestimi la tre facile videblan kaj tre facile kreskeblan poplon. Mi volas prilaŭdi la blankan poplon plengorĝe!

1. *Zhang: tradicia ĉina mezurunuo de longo, valoranta 3,33 metrojn*
2. *nanmuo: Phoebe nanmu*

*Elĉinigis*

## Vejdo (Ĉinio)

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Retadreso: vejdo@163.com
www.elerno.cn/penlisto.htm
_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_